en la subteraj volvoj de la plej bela reĝkastelo « Wawel », kiu staras je la ĉarma altaĵeto sur la bordo de l' Vistulo. Mirinda panoramo prezentiĝas tie al la rigardanto. Krakow estas fama centro de l' turistoj; tie estas malnova universitato kaj multnombraj antikvaj preĝejoj.

Ni vizitos eble ankoraŭ aliajn partojn de Polujo, admirante la antikvajn restaĵojn kaj monumentojn de la pola arto kaj konvinkiĝos pri la bonfama kaj malnova kulturo de katolika Polujo.

Reveninte hejmen, vi povos skribi viajn impresojn en nia gazeto K. M. por tij, kiuj ne estos venintaj al Danzig kaj Polujo.

Venu do, karaj gesamideanoj, al Danzig kaj Polujo, — ni vin atendas !

Korajn salutojn de polaj katolikaj esperantistoj al ĉiuj gesamideanoj sendas.

Leono HARONSKI.

*Krakow (Polujo) strato de Koperniko 26.*

# Kiel niaj gejunuloj povas laboradi por nia movado

Ni ricevis la jenan leteron : Krakow, 18-2-27.

Kiam mi antaŭ tre nelonge la unuan fojon okaze ricevis la « Katolikan Mondon » kaj la Junan Batalanton, mi tre miris. La unua artikolo estis : « Jam ne estos germanoj nek francoj » de Gaston Dutil. Tio interesis min, ĉar mi trovis tie pensojn, kiujn mi jam longe havis kaj eĉ defendis kontraŭ multaj homoj. Mi ***komencis rapide lerni la Esperanton,*** antaŭe mi nur aŭdis pri ĝi ; nun mi jam konas ĝin sufiĉe bone, kaj ŝajnas al mi, ke tio-ĉi sufiĉas por skribi iom. Tio estas mia unua provo en Esperanto. Se tio-ĉi sufiĉas, presigu ĝin, se ne, mi penos alifoje pli bone skribi.

Kun granda estimo.

Kosyrcsyk Ludoviko, stud. theol.

Jen la «unua provo» de nia nova pola amiko :

Malfacila estas nia laboro, tre malfacila. El ĉiuj flankoj amasiĝas malhelpoj, moko kaj kompato renkontas nin de la homoj. Oni diras, ke ni vere havas grandan kaj altflugan fantasion, sed niaj ideoj ŝajnas al la homoj neeblaj ; oni nomas nin utopistoj. — Mondpaco, interfratiĝo de ĉiuj nacioj, mondamo — belegaj revoj, kiujn oni ne povas realigi. La homoj rigardas nian laboron kiel ludon, kiel belan teatron, kiun oni ne povas enkonduki en la praktikan vivon. Ĉu ne estas tiel ? — Kaj se estas tiel, nia tasko, nia devo estas tutforte labori, altiri anojn, unuigi ĉiujn samideanojn, kiuj ankoraŭ ne estas kunigitaj al ni, plivastigi la konon de nia movado. Ĉar estas granda nombro da homoj diversaĝaj, kiuj jam longe havas pensojn pri mondpaco, pri mondamo, kiuj tre volonte aliĝus al nia movado, sed kiuj ne scias ĝin. Oni nur devas instrui ilin, ke jam longe ekzistas tia mondligo, kies celo estas la mondpaco, la realigo de la amo inter ĉiuj nacioj. Montru vian esperantan gazeton al viaj parencoj, al viaj konatoj. Vi estas juna, — vi scias paroli june, vive, fervore, verve. Pruvu al ili, ke en ĉiuj landoj jam estas tre multaj homoj, kiuj dediĉas sin al tiu-ĉi ideo de la mondamo, kiuj jam komprenis, ke tia mondpaco estas vere laŭvole de l'Sinjoro Jesuo. Lasu nian gazeton ĉe viaj konatoj, ili legu. Donu al ili mallongan gramatikon esperantan ( La esperanta gramatiko sur unu paĝo ), kian oni povas ricevi ĉie, kiu tre malmulte kostas, apenaŭ kelkajn cendojn, fenigojn aŭ groŝojn, aŭ ankaŭ senpage. Leginte la artikolojn de divernaciaj homoj pri la amo, pri la mondpaco k. t. p., ili certe eksentos intereson por nia movado, kaj kvankam ili eble ne tuj aliĝos, tamen malrapide ĝermos la semo, kion vi estos plantinta.

Vi havas kolegojn, amikojn, kun kiuj vi kunesidas en la lernejo, — rakontu al ili pri niaj ideoj, pri nia kara Esperanto. Internacia lingvo plej multe interesos junulojn. Helpu ilin en la lernado de Esperanto, kaj poste donu al ili niajn librojn, niajn gazetojn. Ili legos, ne longe daŭros, kaj ili apartenos al ni. Ĉar nia ideo de amo ĉirkaŭprenanta ĉiujn homojn povas efektive konvinki ĉiun noblan junulon kaj junulinon.

Vi povus gajni multajn kolegojn per tio, ke vi montru al ili leterojn, kiujn vi estas ricevinta de junuloj el aliaj landoj. Tio ja estas ĉiam tre interesa por gejunuloj ; ili ankaŭ volos korespondi kun diversnaciaj gejunuloj, kaj de tiuj-ĉi ili sciiĝos multajn novajn pensojn.

Kaj vi, korespondu kiel eble plej multe kun diversnaciaj gejulunoj. Estas ja certa kontenteco kaj granda plezuro elparoli siajn pensojn al samideanoj, al fratoj el ĉiuj landoj kaj nacioj.

Ni estas junaj, ni estas fortaj, ni havas tian belan kaj grandiosan ideon — ni laboru, laboru tutforte, ni pli grandigu nian movadon. Atentu, ke ju pli multnombraj ni estos, des pli fortaj ni estos, des pli ni povos pruvi al ĉiuj homoj, ke nia ideo estas ne nur vere realigebla, ke ĝi ne nur povas esti enkondukita en la praktikan vivon, sed ke ĝi estas eĉ nepre necesa al la elektita vojo, ĉar ĝi kondukas al nova, feliĉa vivo de la tuta homaro.

# Recenzejo

**Benedikt Momme Nissen, Der Rembrandtdeutsche Julus Longbehn.** Tria eldono 358 pĝ, Herder 1926, Freiburg i. Br., Pr. tolbind. Kun 5 il. 7.50 M.

La aŭtoro de « Rembrandt al Erzieker» estis unu el la plej grandaj en la kultura vivo de la germanoj. « Kiel per lumjetiloj lia libro ekzamenis la tutan kampon de la arto, scienco, politiko, popola vivo, malkaŝe montris la malutilojn ,postulis kaj komencis fundamentajn reformojn », skribas episkopo Keppler en la antaŭparolo. La libron pri la granda kowertito devus koni ĉiu klera katoliko germana !

**Ledroit,** Prof. Dr. Johannes, **Frühschein der Kultur.** Bildoj el antaŭhistorio kaj pratempo. Kun 73 bildoj. 8° (X+258 pĝ.) Freiburg i. Br. 1926, Herder. Tolbind. 4.80 M.

**Leis** Robert, **Auf der Spur des Urmenschen.** Kun 44 bildoj kaj 2 tutpaĝaj il., VIII+184 pĝ. Kart. 3.50 M. Tolbind, 4.20 M.

Du popolarsciencaj verkoj speciale taŭgaj por la junalaro. Preskaŭ kiel en romano ili montras la prahomon, kaj lian tempon.

**Kleiner Liederschatz für die deutsche Jugend.** Kun 160 kantoj. Eld. D-ro Karl **Reifert,** 9-a kaj 10-a eld., XII+116 pĝ, Freiburg i. Br. 1926, Herder. Tolbind 2.20 M.

Kantlibro en plaĉa arango. La enthavo neniel estas originala nek unueca.

**Mit Gott allein.** Eines einsamen Pfarres Gesprache mit Gott. Erster Band : Erkenntrisse. 12° (XVI+394 pĝ). Freiburg i Br. 1926, Herder. Tolbind. 5.20 M.

Uzi la verojn de la kredo kiel ilojn kaj esprimon de preĝado, instruos ĉi tiu libro. Belega lingvajo.



La maljuna gardisto ekrigardis surprizite en la direkton de la signalilo, kaj atentis. Estis regula, trioble trisonora signalo. Vagonaro estas venonta de la direkto de X. Do la signalmehanismo ne estas di(fekiĝinta. Eble nur fadenkontakto povis kaŭzi, ke la neĝplugilego venis sensignale. Kutime li jetis rigardeton al la horloĝo :

— 23 horoj 31 minutoj, li murmuretis preskaŭ senlaŭte, devas veni la personvagonaro nro 11. Kaj senpense li prenis la krajonon por enregistrigi la tempon de la signalo.

Inter skribi la terure grandajn numerojn en la registrolibro li konceptigis en si grandan decidon : haltigi la vagonaron ! La edzino estas mortanta, li sendas anoncon al la staciestro, por elvenigi kuraciston. Eĉ se oni formovos lin de la posteno... Sed tiu ĉi danĝero ne sekvos ! La direktoro de la fervojo estas ankaŭ homo, eble li ankaŭ havas edzinon... Kaj eble en la kunvojaĝantaro ankaŭ kuracisto troviĝos... Eble ankaŭ...

Post kvaronhoro malakra bruego anoncis, ke la vagonaro estas jam ne malprogsime. MATUSKA elmetis ruĝan lampon. Eĉ li elportis ankaŭ la duan lampon rezervan. Kaj li skribis en la aero grandegajn cirkulojn per la ruĝa lampo en la direkton de kie la vagonaro estis alproksimiĝinta.

Fitj !... fitj !... fitj !... Kaj sekvantan momenton la brillumigita serio da vagonoj haltis sin antaŭ la simpla postendomo.

MATUSKA rakontis sian mizeron al la vagonarestro. Tiu alvokis la konduktoron. La vojaĝantoj scieme elrigardis la konduktoron. La vojaĝantoj. Post momento ĉiuj vojaĝantoj estis sciiĝintaj pri la afero, kaj en la dua momento jam du kuracistoj staris apud la lito de la malsanulino, kaj ankaŭ aro da sciemuloj.

La kuracistoj direktis kelkajn demandojn al al maljuna fervojisto. Tiu respondis, kiel povis. Cio jam estis senutile. Ili volis eldomigi por ne kaĝzi plian malfruon al la vagonaro.

Tiam voĉo aŭdigis el inter la scivolemularo, de malantaŭe :

— Momenton da pacienco, gesinjoroj ! Pri la korpa sano oni jam ne povas prizorgi, sed ankoraŭ ne estas malfrue prizorgi la animan sanon. Estas la nokto de Kristnasko : lasu renaski Jezuon en la koro de tiu mizerulino !...

Oni rigardis tien surprizite ! La malsanulino ankaŭ turnis la kapon en ties direkton, kaj murmuretis apenaŭ aŭdeble :

— Ho Jezuo, vi estas alvenanta !... Vi alvenis !... Neniu kontraŭdiris.

Kelkajn minutojn la pastro estis solrestinta kun le mortantino, poste ili revenis en la ĉambreton. La juna pastro alportigis sian kofron. Li kovris la tablon de la gardista domo per blanka tuko, surmetis la ambaŭ kandelojn, li prenis pokalon, verŝis en ĝin malmulton da vino el botelo. Sur telereton li verŝis kelkajn erojn da oleo. Sur alian teleron li metis kelkajn pecetojn da tritika pano, kaj komencis preĝadi :

— Benata estas la regno de la Patro, kaj de la Filo, kaj de la Sankta Spirito... (*)

Kelkajn minutojn li murmuretis preĝojn diversajn, dum la ĉeestintaro restis en mortsilento. Kaj tiam la pastro kliniĝis super la pano :

— Lavete, fagete, tuto esti to soma mu... (**)

La vojaĝantaro atentis mensstreĉite. Ili rigardis, post kelke da minutoj kiel li konsumas la unuan peceton da pano, kiel gustumas piege la vinon, kaj donas la restajon al la mortanto, kies vijaĝo brilas en la rideto de la feliĉeguloj.

(*) Komencaj vortoj de la s. meso laŭ S. Crysostomo, uzata de la grek-ritaj katolikoj.

(**) Vortoj de Konsakrigo en la grek-rita meso . Prenu kaj manĝu, tio ĉi estas mia korpo...

# 19. Universala Kongreso de Esperanto

## Danzig

OFICIALA INFORMILO

Dato : La XIX. Universala Kongreso de Esperanto en Danzig okazos 28 Julio ĝis 4 Aŭgusto 1927.

Patrono de la kongreso : S-ro D-ro Heinrich Sahm, Prezidanto de l' Senato de la libera urbo Danzig.

Loka Kongreza Komitato : Honora prezidantino : S-ino Anna Tuschinski.

Prezidanto : S-ro Bernhard Aeltermann, Del. de UEA.

Vicprezidanto : S-ro Kazimierz Majorkiewicz.

Financoj : S-ro Kurt Sachsze.

Sekretarioj : F-ino Käthe Marquardt kaj F-ino Schulz.

Gazetaro : S-ro Edmund Fethke kaj S-ro Ernst Grabowski.

Adreso : Ĉiuj leteroj estas adresotaj al la XIX. Universala Kongreso de Esperanto en Danzig.

**ALIĜO.**

Samideanoj dezirantaj aliĝi al la XIX-a bonvolu uzi la aliĝilon eldonitan.

En la kongresan nomaron estos enskribataj nur la personoj, kiuj pagis la kongresan kotizon.

Ĉar por la bona prosperado de la porkongresaj laboroj frua aliĝo estas tre necesa, la samideanoj estas petataj aliĝi kiel eble plej baldaŭ kaj pagi la izon. **Rapidu aliĝi !**

Ĝis 31. XII. 1926 aliĝis 53 gesamideanoj el 9 diversaj ŝtatoj.

**HELPKONGRESANOJ.**

Samideanoj, kiuj ne povos ĉeesti la XIX-an, helpos al ĝia bona sukceso aliĝante kiel helpkongresanoj. Ili pagas la kongresan kotizon kaj ricevos la kongres-insignon kaj ĉiujn kongresajn dokumentojn.

**KOTIZO.**

Por ĉiuj kongresanoj sen diferenco laŭ landoj . 25 danzigaj guldenoj aŭ 20 germanaj markoj aŭ 1 angla funto aŭ 25 svisaj frankoj. Por blinduloj senpage.

Oni pagu al la « Danziger Privat-Aktien-Bank ». Danzig, Konto : Esperanto aŭ per poŝtmandatilo aŭ per ŝtatbileto sendotaj per rekomendita letero al la XIX Universala Kongreso de Esperanto-Danzig.

**DONACOJ.**

Ĉar la organizaj elspezoj estas tre grandaj la L. K. K. sin turnas al ĉiuj samideanoj, petante monsubtenon por plibonigo de nia jubilea manifestacio.

**BLINDULA KASO.**

Dezirante helpi al la blinduloj kiuj okaze de nia XIX-a arangos sian VI-an Blindulan Kongreson en Danzig, L. K. K. starigis blindulan kason kaj petas pri mondonacoj.

**FAKAJ KUNVENOJ.**

Personoj, intencantaj kunvoki fak-kunvenojn, estas petataj kiel eble plej frue informi la L. K. K. L. K. K. estas jam informita, ke okazos kunvenoj de inĝenieroj kaj arĥitektoj, Ilepto, Teka, kaj jurnalistoj.

**ALVOJAĜO.**

Por la envojaĝo al Danzig trans Stettin — Stolp aŭ Schneidemühl — Dirschau (Tczew), aŭ Königsberg — Marienburg — Dirschau (Tczew) estas necesa eksterlanda pasporto kun la pola transitvizo.

Pola vizo ne estas bezonata, se la envojaĝo okazos jenmaniere :

1. per ŝipo de Swinemünde, Pillau, Stockholm, Riga ktp. al Zoppot, de tie per fervojo al Danzig ;

2. per fermita koridor-vagonaor de Berlino al Marienburg, de tie per malgrandfervojo, aŭto aŭ aeroplano al Danzig ;

3. per aeroplano de Stockholm, Stettin, Berlin, Königsberg.

Danziga vizo ne estas necesa.

Uzu la arangotajn karavanojn de UEA, pri kiuj detaloj sekvos.

**KONGRESA SERVO DE UEA.**

Por faciligi la partoprenon en la kongrezo al kiom eble plej multe da personoj, UEA starigis servon de kombinita biletaro kiu entenas ĉion : kongreskotizo, aranĝoj, ekskurzo al Zoppot, sestaga restado kun manĝo ktp., kiel la Turistaj biletoj eldonitaj okaze de la XVII-a kongreso en Genevo. La biletoj jam nun povas esti mendataj.

A (unuaranga) : Fr. 200.—, B (duaranga) : Fr. 160.— C (simpla) : Fr. 125.—

La « Kombinita Biletaro » devas esti mendata ĉe Universala Esperanto-Asocio, 12 Bd. du Théâtre, Genève.

**LOĜIGO.**

Sub-Komitato jam klopodas, zorgi pri sufiĉe da konvenaj loĝejoj. Ĉiuj aliĝintoj ricevos mendilojn. Kiuj ne volas utiligi la Kongresan Servon de UEA tiuj nepre uzu la mendilojn de L. K. K. Detaloj sekvos.

**OFICIALA ORGANO**

Ĉiuj sciigoj pri la XIX. Universala Kongreso de Esperanto kaj la III. Internacia Somera Universitato aperos en la oficiala organo de UEA « Esperanto », Genevo.

**AFIŜOJ.**

La kongresaj afiŝoj estas sendataj al ĉiuj de ni konataj adresoj. Samideanoj, firmoj kaj institucioj, kiuj povas elmeti ilin videble, sendu siajn adresojn por senpaga ricevo de la afiŝoj. (Uzu respondkuponojn.)

**EL LA PROVIZORA PROGRAMO :**

Ĵaŭdon, 28. VII. : Interkonatiĝa vespero.

Vendredon, 29. VII. : a. m. Malfermo de la S. U.
p. m. vespera koncerto en Sankta Marien.
vespere : Malfermo de la XIX-a.

Sabaton, 30. VII. : Prelegoj, Laborkunsido, Fakaj kunsidoj.
p. m. Ekskurseto al Oliva — Glettkau.

Dimanĉon, 31. VII. : a. m. Diservoj, Promeneja koncerto.
p. m. Gardenkoncerto.

Lundon, 1. VIII. : Prelegoj, Kongresa Fotografo, Fakaj kunsidoj.
vespere : Internacia balo.

Mardon, 2. VIII. : Fermo de la S. U., Fakaj kunsidoj.
p. m. Ekskurso al Zoppot. Oratora konkurso en la Kurac-Gardeno.
vespere : Arbaropero germana.

Merkredon, 3. VIII. : Tuttaga ŝipekskurso al Zoppot. Marborda festo.

Ĵaŭdon, 4. VIII. : Fermo de la Kongreso. Ekskurso al Marienburg, postkongresaj vojaĝoj.



— La mortanto ekĝemis ankoraŭ :

— Ha, sanktega Koro de Jezuo, ne vane mi esperis en Vi.

***

La vagonaro rulis pluen. Kvaronhora malfruo ne estas ĉagreniga en tiu ĉi vintra vetero. La vojaĝintoj en la kupeo rigardis interesoplene la junan pastron, kiu sidis en angulo de la kupeo kunmetite la manojn kaj enprofundiĝinte en pensojn. En taŭga momento iu riskis la demandon :

— Mi komprenas, ke tiu virino ne povis morti sen lastaj sakramentoj, ĉar mi vidis super la lito bildon de la S. Koro de Jezuo. Kaj mi sciigis per la edzo, ke ŝi havis laGrandan Novenon, kaj mi scias, ke kiu finfinis bone tiun novenon, ne restos sole sur sia mortlito. Sed mi tute nescias kompreni, kiel Via Pastra Moŝto venis tien ĉi nun, la sanktan nokton antaŭ Kristnasko, kiam neniu pastro vojaĝas ?...

— Dio arangas ĉion ! — respondis la juna pastro mallaŭte. Antaŭhieraŭ min pastrigis mia episkopo. Hieraŭ mi ne povis vojaĝi hejmen, ĉar la neĝvetero ĉesigis la vagonaran interrilaton. Mi devis komenci mian vojaĝon en la sankta vespero, por ke mi povu oferi mian unuan sanktan meson en la templeto de mia naskiĝvilaĝo la festotagon de la Kristnasko. Unu el la sinjoroj kanonikmoŝtaj devis esti mia mankondukanto, unu el miaj profesoroj devis havi festenpredikon solenan. Multoj el miaj amikoj, multe da bonkoruloj al miaj gepatroj ĉeestos morgaŭ en la preĝejo, kaj ĉe la solena tagmanĝo en mia gepatra hejmo. Mi devas hejmenveni ĝis morgaŭ mateno por ne kaŭzi konfuzan embarason !...

— Kaj ?...

— Kaj Dio — kiu vokis min al sia servado, — plaĉis decidi pri mi, ke mi fariĝu plenumilo de Lia granda promeso, kaj mi estas tre feliĉa, ke ĉe forlasita mizera mortanto, sur simpla tablo de fervojgardista postendomo mi estis inda oferi mian primicion !...

FINOTA



## Abonprezoj por la jaro 1927

| | | | |
|---|---|---|---|
| Anglujo | 1 s | Hungarujo | 1,2Pen. |
| Argentino | 0.75 po | Italujo | 5 lir. |
| Azio | 1 s | Japanujo | 1 s. |
| Aŭstralio | 1 s | Jugoslavujo | 15 din. |
| Aŭstrujo | 1.7 s | Latvujo | 1 s. |
| Belgujo | 1.7bel. | Litovujo | 2.5 lit. |
| Brazilio | 2 mr | Luksemb. | 6 fr. |
| Bulgarujo | 30 lew. | Meksiko | 0.25 d. |
| Ĉeĥoslovakujo | 7 kĉ | Nederlando | 0.7 fl. |
| Centra Ameriko | 0.25 dol | Polujo | 2 Zl. |
| Danujo | 1 kr | Portugalujo | 4 esc. |
| Danzigio | 1 s. | Rumanujo | 40 lei |
| Francujo | 6 fr. | Svedujo | 1 kr. |
| Germanujo | 1 RM | Svisujo | 1,25 fr. |
| Grekujo | 18 draĥ | Usono | 0.25 d. |
| Hispanujo | 1.5 pes. | | |

Ĉiuj prezoj estas kvaronjaraj kaj pagotaj antaŭe.

**Pagu GEAMIKOJ Pagu**

*la abonkotizon !*

# Eklezia Revuo

## AFRIKO

**30 religiaj kongregacioj** havas misiojn en Afriko. Jen iliaj nomoj :

Patroj de la Sankta Spirito 2 diecesoj, 13 vikariejoj, 6 prefektejoj, 2 misioj.
Blankaj Patroj 11 vik., 2 pref.
Patroj de la Afrikaj Misioj de Lyon 8 vik., 3 pref.
Franciskanoj 4 vik., 1 pref., 1 mis.
Kapucinoj 4 vik., 2 pref.
Oblatoj de Mario Senmakula 4 vik., 1 pref.
Scŭtistoj 3 vik.
Jesuitoj 2 vik., 2 pref.
Filoj de la Sankta Koro de Verona 2 vik., 1 pref.
Lazaristoj 2 vik.
Benediktanoj 1 vik., 3 pref.
Misiistoj de Mill-Hill 1 vik., 2 pref.
Patroj de la Sankta Koro de Saint-Quentin 1 vik., 2 pref.
Misiistoj della Consolata 1 vik., 2 pref.
Oblatoj de Sankta Francisko de Sales 1 vik., 2 pref.
Filoj de la Senmakula Koro de Mario 1 vik.
Misiistoj de La Salette 1 vik.
Eksterlandaj Misioj de Torino 1 vik.
Prémonstratensoj 1 vik.
Dominikanoj 1 vik.
Patroj de la Benata Grignion de Montfort 1 vik.
Senŝuaj Trinitatanoj 1 pref.
Palotenoj 1 pref.
Salesanoj 1 pref.
Redemptoristoj 1 pref.
Pastroj Kruemilitistoj 1 pref.
Servistoj de Mario 1 pref.
Patroj de la Sankta Koro de Issoudun 1 pref.

**En la afrikaj misioj** vivas laŭ plej nova statistiko 2.836.026 katolikoj. Por ili laboras 2.597 misiistoj kaj 6.269 fratinoj. Ili havas 8.530 lernejojn kun 364.935 gelernantoj. Sed tiuj nur estas la misioj dependantaj de la Propaganda Kongregacio. Krome vivas en la diecesoj Alger, Constantine, Oran Carthage, Angola, Angra, Funchal, Sankta Jakobo de la Verda Kapo, St-Thomas, Kanarioj, St-Kristofero de Laguna, Ceuta kaj la « prelatejo nullius divecescos ». Mozambique 1.963.390 katolikoj, do entute 4.799.416 katolikoj en Afriko apud 80 milionoj da idolanoj kaj 50 milionoj da mahometanoj.

## AMERIKO

**En Guatemalo** (Centra Amerika) en la lastoj jaroj la Eklezio estas akre persekutita. Kelkaj kontraŭkatolikaj dekretoj similaj al tiuj en Meksiko premis la katolikojn. Antaŭ nelonge post la subita morta de la prezidanto Orrelana s-ro L. Chacon estas elektita prezidanto. Unu el liaj unuaj faroj estis la nuligo de la kontraŭekleziaj dekretoj de sia antaŭulo. Do nun pli trankvilaj tempoj venos por la katolikoj en la respubliko Guatemalo.

## ANGLUJO

**La papo pri la forigo de la kontraŭkatolikaj leĝoj.** Ĉe la kristnaska salutado en la Vatikano la papo diris pri tio : « Al la feliĉaj okazaĵoj ĵus aluditaj. Ni povas aldoni alian, pri kiu. Ni informiĝis en la lastoj tagoj. Ni volas paroli pri la nuligo de la esceptoj leĝoj kontraŭ la katolikoj en Anglujo ; Tio ne estas ĉio, tio ne estas nobla kaj grandanima gesto inda de granda nocia. Ke tiu gesto estu imitata en aliaj lokoj ĉie, kie ĝi estas necesa ! Ke oni ĉie komprenu tion, kio cetere estas tiom evidenta kaj klare pruvita per la historio de la pasinteco kaj de la nuntempo : ke la leĝoj, kiuj ne respektas la rajtojn de Dio kaj de la konsciencoj, ĉu oni nomas ilin laikaj ,konstituciaj aŭ alie ne povas altiri sur la popolojn la favoron de la Dia volo ; ke ili nur povas servi por konfuzi la spiritojn, por disigi la korojn, por malfortigi la plej sanajn energiojn, por malpliigi kaj detrui la komunan bonfarton. »

## BELGUJO

**La reunuiĝo de la orientaj eklezioj kun Romo.** Kun permeso de la papo fondiĝis en Amay-sur-Meuse (Belgujo) la benediktana priorejo por la orientaj eklezioj. La monaĥejo estas tute internacia kaj akceptas monaĥojn el ĉiuj kongregacioj de la benediktana ordeno, neordenajn pastrojn kaj studantojn el ĉiuj landoj kaj nacioj. Post la novicejo la monaĥoj ricevas sian sciencan edukadon en Romo aŭ en la oriento. Ankaŭ laikoj fratoj estas akceptatoj. Komence la ĉefa agado rilatas la studon de la oriento kaj la estigon de intereso pri la reunuiĝa movado. Poste oni fondos monaĥejojn en orientaj landoj. En Amay aperas la bonega revuo « IRENIKON ».

## FRANCUJO

**Katolikaj paroladoj per radio.** La 2 januaro P. Lhande S. J. komencis serion da religiaj paroladoj per radio en Paris. La sukcesoj ŝajnas esti bonegaj.

## GERMANUJO

**Kontraŭ la fondo de la instruista akademio religie miksita** en Frankfurt a. M. protestis la episkopoj de Limburg kaj Fulda kaj anoncis, ke neniu el la instruistoj tie preparitoj ricevos la episkopan instrupermeson. Katolika instruista akademio funkcias depost lastjara pasko en Bonn.

**Germanaj misioj.** Laŭ « Katholische Missionen » nun 43 sendependaj misiaj teritorioj estas administratoj de germanlingvaj misiistoj : 11 en Ĥinujo, 6 en Japanujo kaj Koreo, 3 en la Filipinaj Insuloj, 4 en Aŭstralio kaj Oceanio, 13 en Afriko kaj 6 en Ameriko. En tiuj misioj laboras 584 eŭropaj kaj 76 indiĝenaj pastroj, 482 eŭropaj kaj 8 indiĝenaj misiofratoj, 1076 eŭropaj kaj 152 indiĝenaj misiofratinoj kaj 3732 katehistoj kaj instruistoj inter 805 113 katolikoj kaj 93.000 baptokandidatoj.

## HISPANUJO

**Nacia Centrejo de la Katolika Agado** («Junta Nacional de la Accion Catolica ») fondiĝis sub prezido de prof. M. Vagas (Madrid). La fondo okazis la 17 dec. 1926 per kunveno en la palaco de la «Cruzada» sub la prezido de Kardinalo Reig, ĉefepiskopo de Toledo.

## HUNGARUJO

**La datrevenon de la kronigo de Lia Sankta Mosto Pio XI.** Hungarlando festis ankaŭ ĉi-jare je granda soleneco: Karol **Csernoch** (Ĉernoĥ), princoprimato de H-lando pontifikumis solenan dankegmeson en la ĉefpreĝejo Matio en Budapeŝt ĉe kiu estis partoprenintaj la gubernatoro de H-jo, la registaro, preskaŭ ĉiuj diplomatoj, kaj multaj eminentuloj de la hungara ĉefurbo.

## La " ALIAJ „

**La framasonoj en statistiko** 1926 :

| Eŭropo : | loĝioj | membroj |
|---|---|---|
| Britujo | 5536 | 351.000 |
| Germanujo | 632 | 82.180 |
| Francujo | 583 | 52.000 |
| Svedujo | 46 | 20.200 |
| Norvegujo | 21 | 6.200 |
| Danujo | 17 | 6.600 |
| Nederlando | 114 | 8.106 |
| Belgujo | 24 | 4.100 |
| Luksemburgo | 1 | 100 |
| Svisujo | 38 | 4.800 |
| Aŭstrujo | 14 | 1.500 |
| Rumanujo | 14 | 614 |
| Jugoslavujo | 18 | 600 |
| Bulgarujo | 11 | 1.000 |
| Grekujo | 18 | 1.000 |
| Turkujo | 10 | 2.000 |
| Portugalujo | 80 | 3.000 |
| Hispanujo | 91 | 5.950 |
| Italujo | 502 | 25.000 |
| **Sumo.** | 7770 | 576.324 |
| Afriko | 91 | 3.450 |
| Nordameriko | 17008 | 3.001.100 |
| Centra Ameriko | 274 | 29.270 |
| Sudameriko | 574 | 36.500 |
| Oceanio | 1225 | 103.600 |
| Diversoj londoj | 150 | 24.000 |
| Sumo | 19322 | 3.197.920 |

Do laŭ ĉi tiu statistiko ekzistas 27.092 loĝioj kun 3.774.244 framasonoj. La ciferoj venas el plej fidindaj fontoj. La nombroj el Azio ne estas en la statistiko. Sed ke ankaŭ tie progresas la framasonismo, estos videble el klarigo de ĉefepiskopo Berre el Bagdad, ke sole en Bagdad naŭ loĝioj antaŭ mallonga tempo nove fondiĝis. Rimarkinde estos, ke la nombro de la anglo-amerikana framasonaro formas 95 procentojn de la tuta sumo.

**La zionista-revizionionista partio** havis sian duan mondkongreson en Paris, 26-31 dec., sub prezido de la rusa judo Tionikine.

**Fondo de anglikana universitato en Jerusalemo** nun estas serioze intencata. La kostojn oni taksas je kvaronmiliono da anglaj funtoj.

La arabaj jurnaloj de Jerusalemo salutas tiun projekton, ĉar anglikana universitato estus grava kontraŭpoluso kontraŭ la hebrea universitato.

## LA VATIKANO

**Baldaŭa kanonizacio (sanktigo) de la anglaj martiroj.** Oni preparas nun la kanonizacion de la martiroj el la tempo de la persekutado kontraŭ la katolikoj sub la angla reĝo Henriko VIII-a. Kredeble jam en la jaro 1929 episkopo John Fisher kaj lordkanceliero Thomas Moore povos esti solenataj kiel Sanktuloj.

## PERSONAJ SCIIGOJ

**La nova episkopo de Orléans** estas Mgr Courcourt Kardinalo Dubois konsakris lin en Notre-Dame de Paris la 18 januaro.

**Mgr Jean-Baptiste Pelt**, episkopo de Metz (Franc.) fariĝis Kavaliro de la Legiono de Honoroj per dekreto de la 24 dec.

**Dro Stefano Stékely** prelato kaj kortegkonsilianto, profesoro de la teologia fakultato en la Budapeŝt-a Universitato de Sciencoj estis dekorigita de la gubernatoro de Hungarujo je II. Klaso de la hungara meritkruco.

**P. Ignatius Gartlan S. J.** mortis en London, 78 jara. Li estis la unua apostola prefekto de Zambezi, 1905-1922.

**Mgr Denis-Joseph O' Connell,** episkopo de Richmond (Usono) 1912-1926. Titola ĉefepiskopo de Mariamme, mortis en Richmond la 1 jan., 78-jara.

**Mgr Joseph Bombera,** ĉefkaplano de la ĉeĥoslovaka armeo, tit. ep. de Hierapolis, mortis en Praha, 2 jan. 57-jara.

**Mgr Jehann Baptiste Rössler,** episkopo de Sankt-Pölten (Aŭstrujo) mortis la 3 jan., 77-jara.

**Abuno Matheos,** primato kopta de la Abisenia Skisma Eklezio, mortis la 8 jan. en Abizenio, 85-jara.

**Georges Python** mortis la 10 jan. en Fribourg (Svisujo) 70-jara. Li estis unu el la fondintoj de la Katolika Universitato de Fribourg kaj de la Unuiĝo por Socialaj Studoj.

**Georges Gentil** depost 8 jan. estas ambasadoro de la respubliko Haïti ĉe la Vatikano.

# Leterkesto

**POLUJO.** Elkoran dankon pro la diversoj kartoj kaj leteroj. Do ĝis renkonto en Aŭgusto. Dume sincerajn pacsalutojn.

**PRAHA.** Jes, ni verŝajne vizitos ankaŭ vian historiozan urbon. Detalojn ni publikigos en la venonta numero.

**Verviers.** Sincaron dankon pro viaj bondeziroj. Espereble vi venos Paskon al Köln. Ni tre ĝojus. Tutkorajn salutojn.

**CANADA.** Kun granda ĝojo ni legis viajn sciigojn... Nia katolika Esperanto-movado do marŝadas ankaŭ tie.

**PASTRO N. N., Rusujo.** Ĉu vi ne ricevis K. M. ? Verŝajne via sovjetregistaro timas nian katolikajn ideojn. Ni protestos ĉe la rusa ambasadoro. Saluton !

**ĤINUJO.** Koran dankon pro la bela artikolo, kiun ni publikigos baldaŭ. Vian mirindan Uranogedion ni eldonos verŝajne tuj post Pasko. Bonvolu sendi pluajn sciigojn pri la misia situacio.

**BOTTROP.** Viaj plendoj estas rajtaj. Antiveneno estas la ple bona rimedo. Do estas tempo eldoni verkojn kiujn oni povos legi senhontante ĉe si mem. Ĉu vi volas ni helpi, ankaŭ per mono ?

**Svisujo.** Dankon pro la sciigoj, kiujn ni eupresigis. Bonvolu pagi la abonkotizon al s-ro Kostezer en St. Gallen, Melonenstr. 61.

**Al niaj nederlandaj kaj jugoslavaj amikoj.** Ni pepajn. Nun estos la devo de ĉiu abonanto, varbi almenaŭ unu novan samideanon kiel leganto de nia KM.

**Al kelkaj ĝejunuloj.** Jes, la proksima numero entas atenti, ke KM. nun havas poŝtĉekkontojn prohavos ankaŭ Juna Batalanto. — La preserareoj ? Vi ja scias, ke la « preserardiablo » ne timas KM.

**Benriĉan novjaron** estas la solvo de la silabenigmo en la januara numero. — Sekve de specmanko ni devis forlasi denove kelkajn sciigojn.

**La kvina mondkongreso de tabakkontraŭuloj** okazos dum 6.-8. de Julio 1927 en Praha.

La progresema movado kontraŭ tabako marŝa tra kulturlandoj de la tero. De loko al loko, de urbo al urbo, de lando al lando antaŭen flugas la fruktodona semo de kontraŭtabaka penso. Amikoj de popolbonfarto jam preparas laboron por la estonta malvenko de tabakismo, tiu ci skurĝo de la homoro. Ĉerte la tabakkontraŭula ondo de la V. mondkongreso — kiu kongreso ankaŭ havas fakkunvenon esperantistan, — persiste influos ĝeneralan klarigon pri la grava popolhigiena, socia kaj morala demando de tabako.

Esperantistoj, kiuj interesiĝas je la idealoj de sentabaka kulturo, bonvolu skribi al **Esperantista tabakkontraŭula asocio** en Wien I., Judenplatz 2, I-11, Aŭstrio, kiu volonte donas informojn.

**" Die katholischen Missionen " misia gazeto de la katoliko**

**Aloys Fürst zu Löwenstein** nomas «Die katholischen Missionen» la *«gvidanta misia organo de Germanujo»* kaj diras, ke li ĝojas pri tio, ke la gazeto atingis denove la altan nivelon de la antaŭmilita tempo kaj ke «Die katholischen Missionen» volas venki la spiriton de la naciismo en la misia agado. «Servi al la enlanda misia movado kaj samtempe konduki unu al la alia la misiistojn de ĉiuj nacioj, tio estas la alta celo, al kiu «Die katholischen Missionen» nun denove moviĝas per malnovpruvita, renovigita forto. Dio benu tiun kuraĝon kaj plenumu la konfidoplenan esperon.

**Neniu gazeto en Germanujo kaj Aŭstrujo** havas tiom senrezervan konfidon de la tuta episkoparo, kiel montriĝis en la 53 jaroj en sennombraj leteroj, kiel «Die katholischen Missionen». Ĉi tiu oficiala gazeto de la papa Propaganda Unuiĝo por la germanlingvaj landoj, je kiu kunlaboras ĉiuj misiordenoj, en la nomo de la centraj oficejoj en Aachen, München kaj Wien estas eldonata de la konata misia vekristo P. Bernard Arens S.J. kaj ĉefe volas flegi kaj propagandi la misio-ideon inter la kleraj katolikoj. En la ĝisnunaj volumoj troviĝas vere neelĉerpebla amaso da sciindaĵoj. Sub la varma blovo de la nova misia printempo ankaŭ la germanaj misioj leviĝas al nova kaj pli forta vivo. Kun speciala amo la gazeto sekvas la vojon de la filoj kaj filinoj de nia popolo, kiuj denove grandnombre iras en la tutan mondon, kaj rakontas al la hejme restintoj pri ilia batalado kaj agado ĉe la plej antaŭaj batalejoj de la militanta eklezio de Kristo. Ĉiumonate aperas unu kajero. La nova (54 a) jarkolekto komenciĝis la 1-a januaro.

**Prezo kvaronjare 2.25 Rmk.** Oni mendu ĉe la librovendisto aŭ ĉe iu postoficejo de la enkaj eksterlando. **Eldonejo de la «Katholische Missionen» Aachen,** Hirschgraben 39, Germanujo.

## ĈIU KATOLIKO

devas kunlabori kaj helpi en disvastigado de la Dia Regno sur la tero ; ĉiu katoliko povas sukcese kunlabori, aliĝante kiel ***helpanto kaj helpantino al la SODALICIO DE S. PETRO KLAVER.*** Jara kotizo 25 cendoj usonaj. ***Animaj profitoj*** : multenombraj indulgencoj kaj aliaj animutiloj, donitaj de la Sankta Apostola Seĝo al la anoj de tiu ĉi misia helpa unuiĝo ; ***anima komuneco*** kun ĉiuj ordenoj kaj societoj misiaj, kun kiuj la Sodalicio estas kunigita kaj partopreno je la sanktaj mesoj, komunioj kaj preĝoj de multnombraj misiistoj kaj monaĥinoj misiaj, subvenciitaj de la Sodalicio ; partopreno precipe je la preĝoj de la ***elaĉetitaj kaj baptitaj nigruloj k.j negraj sklavoj.***

Por enlistigi sin sufiĉas indiki la nomon kun adreso kaj transsendi la ***unuan kotizon al*** unu el jenaj adresoj.

**ADRESOJ DE FILIOJ KAJ KANCELARIOJ de la Klavera Sodalicio estas :**

| | |
|---|---|
| Sodalizio di S. P. Claver ROMA (23) via dell'Olmata, 16 | Sodality of S.P. Claver St. LOUIS, MO, Usono Fullerston Building Seventh and PineStreet |
| ZUG, str. de S. Oswaldo 15. | Svislando |
| SALZBURG. Dreifaltigkeitsgasse 19. | Aŭstrujo |
| MUNCHEN, Gabelsbergerstr 5. | Germanujo |
| BRESLAU IX, Hirschstr. 33 | » |
| KOELN, Maria Ablassplatz 10a. | » |
| BERLIN O 27, Magazinstr. 1. | » |
| STRASBOURG, pl Broglie 9. | Elzaso-Lotaringio |
| WARZSAWA, Warecka 15m. 7. | Polujo |
| KRAKOW, sw. Marka 25. | » |
| POZNAN, Szimanskiego 6. | » |

Ĉu vi bezonas

# SKRIBMAŜINON ?

## Prezentigu al vi la

Apartaj preferoj : Malferma Konstrumaniero

Plej facila tuŝmaniero

Senbrua returniro de la Ĉaro




Perforta interspacaĵo de la komencaj literoj

Ĉiuloke agentoj, tial ĉiutempe prezentebla

## Vi decidiĝos certe por ĝi

# Maŝinkonstruejo Kappel A.-C.

**CHEMNITZ-KAPPEL**

(GERM.)

FONDITA 1860



# K. M.

havas ĝis nun la jenajn Poŝtĉekkontojn:

| | |
|---|---|
| Bruxelles | 185.734 |
| Budapest | 59169 |
| Köln | 76.105 |
| Paris | 80.061 |
| Praha | 77396 |
| Roma | 1/2600 |
| Warszawa | 190.972 |
| Wien | 162.473 |

Oni pagas ekzemple al **Katolika Mondo,** Roma 1/2600 ktp

Legantoj en tiuj landoj, en kiuj K.M. ne jam havas propran konton, pagu per bankbiletoj aŭ poŝtmandatoj, sed nur al e **Katolika Mondo, Elberfeld** (Germ.)






# Der Kleine Brockhaus

HANDBUCH DES WISSENS IN EINEM BANDE
in Halbleinen nur M. 23.–, in Halbfranz M. 30.–

**Ist dieses Buch. Er gehört in jedes Heim, jedes Kontor, auf jeden Schreibtisch, der rechten Hand leicht erreichbar, in die Reihe der unentbehrlichsten Nachschlagewerke!**

**Er ist zugleich Orts-, Namen-, und Sachlexikon, Handatlas, Hausarzt und Fremdwörterbuch und beantwortet mehr als zehn Gelehrte fragen können!**

**Ausführliche Übersichten**
**Über 6000 klar gezeichnete Textabbildungen**
**Viele bunte und schwarze Tafeln**
**Genaue Karten nach dem heutigen Stand**
**Diagramme und Zeittafeln**
**Das neueste statistische Material aller Länder**

**Verlangen Sie heute noch** ausführlichen Prospekt „K B 111" kostenlos in der nächsten Buchhandlung, die Ihnen auch mit Zahlungsbedingungen entgegenkommen wird.

## F. A. Brockhaus / Leipzig

## RILATE AL ELEKTO PRI PROFESIO !

***Kiu amante Dion kaj la animojn volas kiel interna membro de la Sodalicio de Sankta Petro Klaver*** dediĉi sian vivon al animsavado ***de la kompatindaj negroj, ĉiutempe estos akceptata en la novicaj domoj de l' Sodalicio nome MARIO de l' BONA KONSILO en Roma kaj CLAVERIANUM en Salzburg (Aŭstrujo).***

***Precipe fraŭlinoj instruitaj kaj posedantaj fremdajn lingvojn tie trovos okazon por utiligi sciadon kaj talenton helpante la misiojn. Ankaŭ VIRGINOJ trapasinte nur unuagradan lernejon, povosciantaj la servistan laboradon sin enlistigu!***

***Detalojn pri la religia instituto kaj pri kondiĉoj de aniĝo por internaj membroj pritraktas specialaj prospektoj.***

***Deklaron por enlistigo kune kun atesto de konduto, baptatesto, mallonga aŭtobiografio kaj fotografio oni sendu al la :***

**Ĉefa prezidantino de l'Sodalicio de S. Petro Klaver, sia grafina moŝto M. Falkenhayn, ROMA, (23), via dell' Olmata, 16.**

## Po la Esperantisto

**Sola gazeto esperanta en Polujo. Aperas monate 16 pago, lukse eldonita. Enhavas : artikolojn pri vivo, kulturo kaj scienco en Polujo ; revuon de esperantista movado pollanda kaj tutmonda ; tradukojn de plej belaj poemoj kaj verkoj el la pola literaturo kaj m. a. - Jara abono nur 1 dolaro USA. - Postulu senpagan specimenon de administracio : KRAKOW, Smolenska. 9 (Polujo).**

# Pagu GEAMIKOJ Pagu

*la abonkotizon !*

# - CANNES -

FRANCA RIVIERO

V -

**Pastro, Profesoro Laŭreato de la Franca Akademio akceptas en**

## FAMILIO - PENSIONON

junulojn kaj sinjorojn, kiuj volas lerni francan lingvon en *Francujo* mem. Ankaŭ estas akceptataj junuloj, pastroj, sinjoroj, kiuj pro sia sanstato aŭ pro alia kaŭzo bezonas restadon ĉe la Riviero.

## Sunbanoj - Marbanoj - Familia vivo

Malfermata dum la tuta jaro
Por prospektoj aŭ informoj skribu al
**Villa de Lorrière, CANNES, France**

Presejo : Imp. F. Collins, Charleroi, Belgio.